Año XIV N.° 1 (131) ENERO-FEBRERO-MARZO

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



**Valladolid.—Kolonoj en Sankta Gregorio. (Nacia Muzeo pri Skulptarto).**

*Nur por viziti tiun belegan ĉefverkon de la Kastilia arkitekturo, valoras la penon entrepreni laveturadon al Valladolid.*

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

**Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura**

**Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN**
**Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.**
**Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.**
**Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.**
**Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.**
**Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.**
**La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.**

**Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortoj aŭ frakcio. Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.**

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:

**Oficialaj aferoj devas esti adresitaj al:**
**Federación Española de Esperanto**
**Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)**

**Originalojn, solvojn de enigmoj, sujestojn por Boletín, k. t. p., adresu al:**
**S-ro Angel Pérez Saura (por Boletín)**
**Str. V. Sancho-Tello, 24, b d., Valencia (Hispan.)**

**Monsendojn adresu nepre al:**
**S-ro Ernesto Guillem Tarín**
**Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)**

**(Klarigante la destino de la sendita mono: por HEF, por Libroservo, por Boletín, por io alia).**

**Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:**
**S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)**
**Str. Arce, 8, 2.°, 4.ª, Cornellá (Barcelona) (Hisp.)**
**Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.**

DEZIRAS regulajn kontaktojn kun Esperanto-Grupo en nordhispana urbeto (10.000 ĝis 15.000 enloĝantoj) cele al kulturaj interŝanĝoj: Esperanto Grupo, ĉe S-ro Veron, pl. Petite Bruyère, DOMFRONT (Orne) (Francujo).

Du junuloj deksesjaraj deziras korespondi kun gejunuloj el Hispanujo pri ĉiuj temoj, Skribu al S-ro William Gilbert. 30 rue Croix Montoire Sant Simphorien. Tours. I et V (Francujo).

# GRAVA ATENTIGO PRI LIBROSERVO

Ne estas sekreto por la hispana samideanaro ke, jam delonge, Libroservo de H. E. F. funkcias ĉirpe, grince, skue, aŭ, eĉ, tute ne funkcias. Tio okazigis, multfoje, plendojn, protestojn kaj malagrablaĵojn ĉe la mendintoj, kaj egan malplezuron ĉe la postenuloj de H. E. F.

Ni penis multfoje por kuraci tiun vundon en nia flanko, sed, ĝis nun, ni malsukcesis. Sam° Pérez Sempere, prenita de siaj profesiaj devoj, tute ne povis servi, kaj, eĉ, respondi al la mendintoj kaj protestintoj. Li dungis helpanton, kiu baldaŭ rezignis sian postenon, kaj la mendoj stapliĝis pli kaj pli alten. Neniu, ĝis nun, inter la valenciaj samideanoj, volis transpreni tiun oficon, ĉu pro manko de tempo, ĉu pro manko de taŭga loko.

Lastatempe, ni sukcesis konvinki bofraton de esperantisto, por ke li transprenu tiun ŝarĝon, kondiĉe ke lia bofrato respondecu pri la korespondado. Ni absolute fidas je ilia seriozeco kaj kapablo, kaj esperas ke, de baldaŭa dato, ĉio iros regule kaj kontentige.

Sed, ili devas aranĝi la disponeblan lokon kaj ordigi la mendaron: ĝis kiam ili estos pretaj por ekagi ni ne volas publiki ilian adreson. Ĝis tiam, ni petas al la senpaciencigitaj mendintoj ke ili bonvolu kompreni kaj pardoni. H. E. F. deziras, pli ol ili, ke ĉio iru glate kaj regule. Ne por nia profito, kiu estas la via, sed, por nia prestiĝo, kiu estas, ankaŭ, la via.

LA ESTRARO DE H. E. F.

ANONCETO

Busto de D-ro Zamenhof skulptita el granita ŝtono 85 cm. alta, 62 cm. larĝa, akirebla kontraŭ kvin mil pesetojn ĉe R. Cortijo, Placo España, 6. LERIDA (Hispanujo).

# En franca ascensión

La definitiva y total introducción del idioma esperanto en la vida de las diversas naciones no es cosa de un mañana próximo; de esto están convencidos los esperantistas más entusiastas, y así tiene que ser por la lógica de las cosas. Hay asuntos mucho más claros y sencillos, podríamos decir, incontrovertibles, que tampoco han logrado, en el transcurso de cerca de dos siglos, su definitivo triunfo. Nos referimos, entre ellos, al sistema métrico decimal, que tan sólo se abre paso con exasperante lentitud, como, a veces, hemos glosado en esta sección.

Y, claro está, si el sistema métrico decimal, que se puede aprender en poco más de media hora, no ha logrado su total implantación, ¿cómo vamos a extrañarnos de que el esperanto, que, a pesar de su sencillez y claridad, cuesta bastante más para saberlo medianamente, no haya alcanzado el triunfo que merece?

Sin embargo, su progreso es ostensible. Además de su constante extensión entre aquellas personas que intuyen su razón de ser y su indiscutible porvenir, numerosas colectividades y entidades culturales lo sancionan favorablemente, lo recomiendan y, lo que es mayor signo de vida, lo usan para sus actividades. Además, varios Estados lo propugnan. Recientemente el estado polaco, a raíz del congreso universal jubilar del Esperanto, prometió introducirlo en las escuelas, aunque a título voluntario; parecido compromiso adquirió el gobierno yugoslavo, y el gobierno danés ha decidido introducirlo oficialmente en las escuelas primarias. Este último adelanto tiene una importancia muy destacada, uorque, aunque el estado que lo ha propugnado es diminuto y pesa poco en la densidad mundial, es, en cambio, uno de los más cultos en el mundo y, lo que más importa, uno de los que, superficialmente, parecía más inclinado hacia la órbita idiomática del inglés. Sabido es que las naciones escandinavas son, entre las que no pertenecen al imperio ni a la Commonwealt, aquellas en las que el idioma inglés está más estudiado, protegido y difundido.

Más de una vez hemos oído, de labios de algún turista, que allí "todos hablan inglés". Otros, sin embargo, y los mismos escandinavos, se han cuidado de poner la cuestión en su punto. Todos no; pero muchas personas, en los hoteles, en los grandes establecimientos y, claro está, en las oficinas de turismo, hablan algo, o bastante, inglés. Pero la gente de la calle y aun el hombre culto: médico, ingeniero o arquitecto, entiende alguna cosa del inglés, pero no pasa de ahí.

Y la inmensa mayoría de la gente, ni eso. Y es lógico deducir de la decisión del gobierno danés que así debe ser y que el reconocimiento de la inutilidad del enorme esfuerzo para britanizar idiomáticamente al pueblo danés ha decidido a dicho gobierno a buscar la solución del problema idiomático volviéndose hacia el esperanto, que ya, en el dominio particular, tiene en Dinamarca una gran extensión. Esperamos fundadamente que este gesto será prontamente imitado por los demás países nórdicos, en los que el esperanto es una gran fuerza cultural y un arma muy eficaz para mover a grandes sectores de personas de buena voluntad. Que buena falta hace en estos calamitosos tiempos en que, por desgracia, sólo se oye gruñir, amenazar y aterrorizar.

# NIA XXIII HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**VALLADOLID 25-27 JULIO 1962**

**ORGANIZA KOMITATO: Ruiz Hernández, 12, 1.° - SEKRETARIEJO: Montero Calvo, 12, 3.°**

Malmultajn sed tre kontentigajn sciigojn ni povas aperigi pri nia venonta kongreso. La Organiza Komitato daŭre laboras kaj preparas ĉion por la sukcesigo de la kongreso.

La Sindikata Domo de Valladolid, ĵus konstruita, proponas siajn plej belajn salonojn por la Kongreso.

La Akceptejo funkcios en la S. E. U.-ejo.

Moŝta Rektoro, tre afable, cedas la «Aula Magna»-n kaj diversajn salonojn por la laborkunsidoj, ekzamenoj, k. t. p.

En la Honora Komitato estos la ĉefaj Aŭtoritatuloj, nome : Provincestro, Urbestro kaj Rektoro ; tre eble, ankaŭ, la Militistestro kaj la Deputitestro. Do, tiu kongreso estos, sendube, tre bone konsiderata de la regantoj de la regiono kaj de la urbo ; tio respeguliĝos sur la rezultato de nia venonta nacia kunveno.

Post kelkaj tagoj ni havos la skizon de la programo ; laŭ tio kion ni konas, ni konjektas ke ĝi estos brila, distra kaj efika ; tio estas, tre atentinda, eĉ de tiuj kiuj nur taksas la kongresojn laŭ la flankaj programeroj.

Multaj lernantoj ĉeestas la kursojn por esti kapablaj por la interparolado dum la kongreso ; la juneca karaktero de la plejparto el ili estas grava allogaĵo por la gejunuloj kiuj intencas iri al Valladolid.

Baldaŭ aperos la glumarkoj, kiuj devas kompletigi la allogan aspekton de la intersamideana korespondado. Ke la tuta mondo sciu pri nia 23ª !

La venonta kongreso estos tres interesa, ĉar en ĝi oni devos decidi multajn gravajn aferojn por la estonto de nia movado en Hispanujo.

Ĉiuj devas kunlabori kaj partopreni la diskutadon ; la kongreso estas la sola okazo, en la daŭro de la jaro, por bone koni kaj taksi la konvenan iradon de niaj komunaj aferoj.

Plie, Valladolid estas, pro la urbo kaj pro la ĉirkaŭaĵoj, turisme interesega. Ĉiu esperantisto devas peni por ne manki en nia venonta kunveno. Aliĝu baldaŭ !

---

# ESPERANTO KAJ GEJUNULOJ

Antaŭ longe HEJS, la junulara sekcio de la Federacio, petis informojn pri la junulara movado al ĉiuj esperantaj societoj ; kiam alvenis la respondoj, mirigis nin konstati ke en multaj societoj ne ekzistas junulara fako, eĉ neniu aliĝita gejunulo.

Dum la unua Universala Kongreso en Bulonjo-ĉe-Maro 1905-a, la plej juna partopreninto, Edmond Privat, tiam 16-jara, insistis pri la neceso altiri la junularon al la Esperanto-movado, ĉar «INSTRUI ESPERANTON AL PLENAĜULOJ, SIMILAS AL VERSADO DE AKVO EN SENFUNDA BARELO». Ĉi tiu frazo estas ankoraŭ aktuala por ni : jam 56 jarojn pasis depost la eldiro de tiu frazo, kaj ni riskas ankoraŭ strebi al plenigo de senfunda barelo, se ni ne direktas niajn klopodojn al varbado inter la junularo. Varbu do novajn junajn lernantojn. Dediĉu almenaŭ unu Esperantan kurson por la gejunuloj.

Tiamaniere, la daŭra renovigado de la vicoj estos plenumata.

S. ARAGAY

Informoj pri HEJS : S-ro R. Jovani. Pasaje Pujós, 19. Hospitalet (Barcelono).

## KVITANCO

Ĵurnalo «Mediterráneo», el Castellón (13-10-61), kun artikolo pri la kurso de «Educación y Descanso» kaj invito al aliaj societoj por aranĝo de aliaj.

Eltranĉaĵoj el ĵurnalo «El Noticiero Universal» kaj alia (18-12-61) kun raporto kaj fotoj pri la malkovro de tabulo de nova strato nomita, de nun, «D-ro Zamenhof», kaj pri ludado de teatra verko, esperante, (vidu raporton el Barcelono). Sendis : S. Aragay.

Folieto eldonita de Esperantista Societo el Tenerife kun foto kaj detaloj pri D-ro Zamenhof, por informi la loĝantojn de la ĵus nomita strato Zamenhof. Sendis: J. Régulo.

Eltranĉaĵo de «La Gaceta del Norte» el Bilbao (19-12-61), kun foto kaj komentario pri blindula muzikistaro kiu ludis gravan rolon dum la celebrado de la diversaj honoraĵoj al D-ro Zamenhof fare de la loka E-grupo. Sendis : Miguel Alvarez.

Eltranĉaĵo de «La Gaceta del Norte» (13-12-61) kun artikoleto kaj foto kiu montras la Verdan Stelon kaj tabulon de la Esperantista Grupo el Bilbao. Sendis : Miguel Alvarez.

Eltranĉaĵoj de ĵurnaloj el Valladolid «Hoja del Lunes» (26-6-61) kaj «Diario Regional» (24 6-61) kun raporteto pri ekskurso de la loka E-Grupo ; eltranĉaĵo de ĵurnalo «El Norte de Castilla» (29-6-61), kun komentario pri la aktiveco de la loka grupo ; kaj eltranĉaĵo de ĵurnalo «El Norte de Castilla» kun lokaj radioprogramoj sur kiu estas anoncita la Esperanto-Kurso. Sendis : M. Cantalapiedra.

Revuo «Agricultura y Economía» el Barcelona (Oktobro 1961) kun artikolo kaj foto de la dekano de la hispanaj esperantistoj, generalo José Perogordo, kaj de D-ro Zamenhof.

Folio sur kiu oni represis artikolon aperintan sur paĝoj de ĵurnalo el Cuenca (19-11-61) verkita de Pablo Redondo. Sendis : Luis A. Ramírez Teruel.

Krom la supre menciitajn ricevaĵoj ni ricevis informojn pri jenaj artikoloj aperintaj en aliaj revuoj kaj ĵurnaloj :

Dupaĝa artikolo pri Esperanto kun foto de Cheste publikita en revuo «Guión» (oktobro 1961). Laŭ E. Guillem.

Revuo «Formación» (decembro 1961) artikolo pri Esperanto kaj Unesko.

Artikolo kaj foto pri la ludado de «Malsupra Tero» en Barcelona aperis sur ĵurnalo «Hoja del Lunes» (18-12-61).

Artikolo kaj foto sur paĝoj de ĵurnalo «El Noticiero» pri nomigo de Zamenhof-strato (18-12-61).

Informo pri la scienco kaj Esperanto verkita de Sro. Jaime Aragay sur paĝoj de revuo «Técnica Práctica» (oktobro-decembro 1961).

Tiujn kvar lastajn informojn sendis : Salvador Aragay.

---

SOLVINTOJ DE ENIGMOJ DE BOLETIN

Pro forgeso kaj spacomanko ne estis publikataj la nomoj de tiuj kiuj sendis korektajn solvojn de niaj enigmoj numeroj 7, 8, kaj 9. ili estas :

*Enigmo numero 7.*

Adonis González, Angel Mañero, M. Sosvilla, Pedro Naranjo, F. Aliaga, F. Amorós, R. Alberto, A. Tomasa, Ramón Bastardas, Liberto Puig, Alfred Kirch, kaj A. Ugalde.

*Enigmo numero 8.*

Angel Mañero, R. Albero, Pedro Naranjo, F. Amorós, F. Aliaga, A. Tomasa, Adfred Kirch, Ramón Bastardas kaj Manuel Sosvilla.

*Enigmo numero 9.*

F. Amorós, Antonio Tomasa, Adonis González, F. Aliaga, R. Bastardas, Manuel Sosvilla, kaj A. Kirch.

Do, atingis kvin poentojn kaj rajtas libropremion la jenaj sendintoj : R. Albero, F. Amorós, F. Aliaga, A. Escamilla, Adonis González, Alfred Kirch, Antonio Tomasa, Liberto Puig kaj Ramón Bastardas. La libroservanto sendos la librojn, kiel eble plej baldaŭ, al la gajnintoj al kiuj ni gratulas.

A. P. S.

BARCELONO

*Dimanĉo: 17a Januaro.*

Okaze de la CII datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, oni malkovris memortabulon honore al la kreinto de Esperanto, sur la fasado de la «Lerneja Grupo, Juan Antonio Perera», str. D-ro Zamenhof. Malgraŭ la vintra vetero ariĝis en la menciita loko vera homamaso.

En la nomo de la sindikata fako «EDUCACION Y DESCANSO», S-ro R. Gómez Cortés, estro de Kultura Disvastigado, adresis al la ĉeesantaro kelkajn vortojn rilate la personecon de nia kara majstro, kaj fine li malkovris la marmoran memortabulon. Sekve, la prezidanto de INSTITUTO DE ESPERANTO, S-ro Jaime Aragay, faris paroladeton dum kiu li rimarkigis la dumvivan sindonemon de D-ro Zamenhof; lia plena dediĉo al atingo de nobla celo, t. e.: ke la homoj povu sin komprenu pere de lingvo komuna, simpla kaj facila por ĉiuj. Esperanto, li diris ne pretendas anstataŭi la naciajn lingvojn. kiel malice aŭ erare asertas kelkaj personoj, sed kontraŭe, ĝi aspiras esti taŭga helpilo en la internaciaj rilatoj. Tiamaniere la laboristo, la studento kaj la sciencisto povos en siaj respektivaj medioj uzi ĝin adekvate, kio faciligos eksterordinare iliajn kontaktojn, iliajn tranlokiĝojn, aŭ la interŝanĝojn, kulturajn, se la hazardo devigas ilin vojaĝi tra la mondo.

Li aldonis ke tiu omaĝo ne nur estas esperantisma sed speciale barceloneca, ĉar Barcelono multe ŝuldis al D-ro Zamenhof pro lia vizito kaj partopreno en la 5a Universala Kongreso de Esperanto en nia urbo. Dum tia grava evento, lia simpatio kaj sincera amo al nia nacio pro kelkaj rasaj prapatraj cirkonstancoj klare evidentiĝis. Ankaŭ liaj personaj kvalitoj, inter kiuj la paroladinto komentariis lian simplecon, modestecon kaj, precipe, lian malavarecon, kontribuis tute same al la sukceso de la citita solenaĵo.

«Estas necese ke tiu memortabulo ne estu materialaĵo, ĉar la historio montras klarvide ke tio kio estas materiala malaperas iompostiome tra la sinsekvo de la jarcentoj. La plej bona omaĝo estos, ke ni kune laboru efike: la esperantistoj interesigante la lokajn aŭtoritatulojn kaj la plej altajn naciajn instancojn en la atingenda afero: la enkonduko de Esperanto en la lernejoj. La ne esperantistoj lerni kaj studi la internacian lingvon kiu nur profiton donos al ili. Se ni kune kaj streĉe laboradas, tiam fariĝos realaĵo la saĝa rekomendo de la Moŝta Prezidanto de la Reĝa Akademio de la Hispana Lingvo, kaj maksimuma filologa aŭtoritatulo. S-ro Menéndez y Pidal, kiu, antaŭ nelonge deklaris: «Ni ĉiuj laboru por ke Esperanto naturiĝu laŭ la plej ebla mezuro».

Se ni agas en tiu senco kaj direkto, la internacia lingvo plenumos sian specifan celon: Kontribui al la homa interkomprenigo kaj la tutmonda pacigo pere de universala kaj kristana dialogo. Vivu D-ro Zamenhof! Vivu Esperanto! Vivu Barcelono! Vivu Hispanujo!» —Oni sincere aplaŭdadis ambaŭ parolintoj.

Tuje, la fama koblo Montserrat (tipa kataluna orkestro) interpretis ses sardanojn (katalunaj danĉoj); la lasta estis «Sabadell Esperantista» kiu vekis la publikan entuziasmon.

Je la 6a postagmeze, okazis en la Salono Villaespesa (Almeria-Domo) str, Sankta Ludoviko 64, la reprezentado de la famega verko de Don Angel Guimerá «MALSUPRA TERO» («Terra Baixa», tradukita de S-ro. Rikardo S. Guëll aktoro, direktoro kaj reĝisoro de la Teatra Ensemblo de Instituto de Esperanto). Ĉiuj amatoraj geaktoroj plenumis siajn rolojn emociige kaj majstre, kaj trafe identiĝis kun la travivaĵoj de la roluloj, kreitaj de la kataluna genia dram-aŭtoro. La spektantaro kiu sekvis la verkdisvolvo atentegé, aplaŭdadis, varme kaj insisteme, la prota-

# KRONIKO

gonistojn. Verdire, ili tion meritis, ĉar ili sindonis plene al longa kaj laciga preparo kaj provado de tia malfacila teatraĵo. Nian profundan gratulon kaj dumvivan dankemon al ĉiuj.

Senbezone aldoni ke la gazetaro bone recenzis tiun eventon, speciale la ĵurnaloj, HOJA DEL LUNES kaj EL NOTICIERO UNIVERSAL. Aliaj aperigis malgrandetajn reportaĵojn rilate la teatraĵan feston. Koran dankon ankaŭ.

La Sekretario de «Instituto de Esperanto» en la kataluna ĉefurbo sciigas al ni ke, jam triafoje, la Internacia Oficiala Specimenfoiro de Barcelono pretigas oficialan afiŝon, en Esperanto, por tiu grava ekspozicio. Temas pri moderna helkolora reklamilo, en la formato 70 × 100 cm., kaj 30 × 40, kiu taŭgas, ne nur por reklami pri la foiro, sed, ankaŭ, por montri ĝin al skeptikuloj, kiel gravan ateston pri la graveco de Esperanto.

Ni petas al la tutmonda esperantistaro ke ili bombardu letere, por peti afiŝojn SENPAGE al :

30ª FERIA DE MUESTRAS
Departamento de Propaganda.
Paseo de María Cristina.
BARCELONA -4- (España).

Prefere, skribu sur parero de komerca, turisma aŭ industria entrepreno, kaj menciu la lokon kie la afiŝo estos montrata.

POR LA ESPERANTA GAZETARO

Oni eldonis 1.000 afiŝojn en Esperanto. En angla, franca kaj germana, oni presis 2.500.

La esperanta eldono devas esti neore kaj rapide, antaŭ la monato Majo, tute elĉerpita. Kia fiasko, se restus multaj en la foiraj ŝrankoj, pro neatento de la esperantístaro!

Do, elĉerpigu ĝin!

BILBAO

El letero de samideano L. de Otaola ni deduktas ke la aferoj ne tute bone marŝas por la Esperanto Grupo. Eble ili estos forpelataj de la domo kie ili loĝas. Funkcias unu kurso gvidata de samideano Otaola, en kiu elstaras du aŭ tri novaj lernantoj, kiuj sendube faros fruktodona la kurson.

La grupo pretigas ekskurson al Santoña kun intenco renkontiĝi kun la samideanoj el Santander.

CEUTA

Nia laborema samideano Sro Antono Rico, persono tre bone konsiderata en la hispanafrika urbo, entuziasme penas por restarigi tie la gravecon de la movado, tiel kiel antaŭmilite. Tiucele, li interesigis la tiean gazeton, kiu publikis kvar artikolojn pri nia afero; tio vekis grandan intereson en la bela kaj tipa afrika urbo.

Samideano Rico sugestis al ni la ideon kongresi en Ceuta dum la jaro 1963. Tio estus, tutcerte, grava antaŭenpuŝo por la tiea movado. Aliprte, Ceuta estas, laŭ turisma vidpunkto, interesega kongresurbo, ĉar, de tie, oni povus, tre facile, viziti Tetuán, Tánger kaj Xauen —la sankta mohameda urbo— per mallongaj ekskursoj.

Ni nin sentas logataj de la propono, sed ni komprenas ke la distanco, kaj, ankaŭ, la kosto, povas esti baro por multaj samideanoj. Pro tio, ni petas ke nia samideanaro esprimu rian opinion pri tiu sugesto, kaj tiel, okase de nia venonta kongreso de Valladolid, ni antaŭsciu la volon de nia anaro. Estus tre agrable kongresi en Afriko, kaj ebligi al la marokaj samideanoj veni al ni, ĉar ni iris al ili!

CHESTE

La «verda urbeto» penas por konservi sian karakteron. La kursoj estas t e frekventataj kaj tio sekurigas la daŭrigon de la esperantisteco de la junularo en la plej densa esperantista urbeto en nia lando.

GANDIA

La entuziasma kaj kapabla gvidado de sam° Rafaelo Moral estas fruktiga. Diversaj kursoj funkcias, kaj la loka radiostacio daŭre propagandas.

LA LAGUNA

Samideano Régulo Pérez, el La Laguna, informas nin ke, koincide kun la Zamenhofa Festo, meze de decembro 1961, la Esperantista Societo de Tenerife havis sian ĉefan jarkunvenon. Samtage estis malkovrita la tabulo kiu donas la nomon Calle Dr. Zamenhof al unu el la modernaj, nun konstruataj stratoj de la urbo. Profitante la okazon, la grupo informis la loĝantojn de la strato pri la personeco de D-ro Zamenhof, disdonante al ili folion kun la foto kaj mallonga biografio pri D-ro Zamenhof. La tabulon el marmoro pagis la loka societo.

La nova Zamenhof Strato estas apud la ejo de la de ĉiuj konata eldonejo STAFETO, kaj ne malproksime survoje al la Universitato.

S-ro J. Régulo Pérez, kiu, por la lasta jarduo estis prezidanto de la loka E-Societo, ĉesis en tiu posteno tial ke la statuto malpermesis reelektiĝon. La nova prezidanto estas S-ro Nicolas Pérez Alvarez.

MIERES (Asturio)

Laŭ sciigo de nia samideano C. Cienfuegos, la kurso komencata la 15n de novembro en la mineja urbeto, daŭras plensukcese. Multaj el la lernantoj jam korespondas esperante kaj, kiam la kurso finiĝos, la lernintoj fondos novan grupon. Ni gratulas ilin kaj ni esperas ke ili daŭre laboros por atingi multenombrecon.

SOLLER (Majorko)

La gazeto «Soller», el la bela majorka havenurbo, publikas interesan intervjuon, de sam° Arbona, nia vigla organizinto de la lasta hispana kongreso. La artikolo, tre trafa, montras, pliafoje, la verkistan valoron de nia kara samideano.

VALLADOLID

S-ro Cantalapiedra informas nin ke la Urbestraro aprobis nomigi straton per la nomo Esperanto; ĝi estas nova strato en moderna kvartalo el Valladolid, apud la plej ampleksa kaj bela promenejo, nomata Zorrilla.

VALENCIA

La esperantista vivo de la urbo vigliĝas, ĉiam, okaze de la Zamenhofa festo. Ĉijare, kiel kutime, la loka samideanaro festis la datrevenon de la naskiĝo de la fondinto per komuna bankedo, ĉeestata de okdek partoprenantoj, inter kiuj nombris multaj gejunuloj, kiuj gajigis kaj vigligis la kunsidon. Ĉe la fino, diversaj samideanoj paroladis kaj Dr° Herrero, per emociigitaj vortoj aludis al la memoro de nia estinta samideano Ludoviko Hernández, konstanta vigliganto de niaj kunvenoj. Sr° Lleonart, ne esperantisto, sed, admiranto de Esperanto, emfazis pri la homarama karaktero de nia lingva ideo kaj, per lirikaj frazoj, li kantis la moralan kaj etikan aspekton de nia kampanjo, kiu havis tiel entuziasman kaj kapablan defendanton kiel Ludoviko Hernández, lia kara kaj bedaŭrata amiko.

Dr° Tudela interesigis la aŭdantaron per instruaj konsiloj kaj, kiel pruvon de la kreskanta intereso al Esperanto, li anoncis la baldaŭan elĉerpiĝon de sia vortaro.

En la sekvanta tago, la valencia samideanaro ĉeestis, kiel kutime, la Sanktan Meson, memore de la mortintaj gesamideanoj, dum kiu, Patro Jozefo López, franciskana monaĥestro en Valencio, predikis tre elokvente en Esperanto. Dum la meso, dudek infanoj, lernantoj de la klaso de Sr° Felikso Navarro, en la «Patronato de la Juventud Obrera», kantis diversajn mesajn kantaĵojn, kiuj treege mirigis ĉiujn. Ĉe la fino, la kantistoj estis tre festataj de la ĉeestantaro, kiu, tuj poste, aliris la straton de Dr° Zamenhof por kronigi per laŭrobranĉoj la tabulon de la Majstro.

Tre kontentige, do, ni povas aserti ke

la jara festo estas pli kaj pli konsiderata, ĉeestata kaj trafe organizata, por la plezuro de la gesamideanaro kaj la interesigo de la ĝenerala publiko.

ZARAGOZA

Intence, ni lasas lastloke la informon pri la aragona movado, ĉar, en la jaro, ĝi prenis la flagon de la vigleco kaj svingis ĝin sukcesplene, per la aranĝo de la elmontro de Kristnaskaj Gratulkartoj. Ĝi okazis en la salonoj de la Institucio «Fernando el Católico», ĉe la Deputitejo. La malfermo, je la oka vespere de la 20ª de decembro, estis solena kaj entuziasma. Ĉeestis aŭtoritatuloj, la Direktoro de la Institucio suprecitita, kaj gravaj regantoj de la instruado.

Eks-Rektoro de la Universitato, Prof° Sancho Izquierdo, Prezidanto de la esperantista societo «Frateco», kaj Vic-Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, malfermis la akton, dankis la aŭtoritatulojn kaj ankaŭ la junularon pro ilia valorega kooperando, preparante ĉion mirinde okulfrape kaj trafe. Li emfazis pri la graveco de Esperanto kiel porpaca perilo; tiel, ĝi agadis, okaze de la protektado al la aŭstraj infanoj, post la unua mondmilito. Tio ebligis ke la nomo de Hispanujo brilu hele pro tiu plenmerita helpado. Pro tio, Esperanto, facila kaj belsona helplingvo, fariĝas sociorda elemento, tre atentinda.

Pro tiu bela parolado, Prof° Sancho Izquierdo estis varme aplaŭdata.

La originaleco de la elmontro kuŝis sur la varieco kaj diverseco de kolekto, atingebla de una sola esperantisto; tiel, ĉiuj vizitantoj povis bone taksi la eblecon de ĉiu por komunikado kaj kolektado.

Miloj de vizitantoj ĉeestis la elmontradon kaj oni disvendis multajn librojn. Dr° De la Puente, nia kara amiko, malfermis kurson, kiu atingas sukceson, ĉar la lernantoj estas sufiĉe altnivelaj.

Nia tre estimata samideanino Inés Gastón, nelacigeble organizinte tiun ekspozicion estis intervjuata de ĵurnalistoj, al kiuj ĉi raportis interesajn sciigojn pri Esperanto kaj la agado.

Resume: grava sukceso de Esperanto kaj de la zaragoza samideanaro.

Ni gratulas tre kore niajn samideanojn en la aragona urbo kaj ni deziras ke iliaj penoj estos premiitaj per grava antaŭenigo de la tiea movado.

---

# INFORMOFICEJO

Malgraŭ ke la statistiko estas nune nekompleta, ĉar multaj societoj ankoraŭ ne respondis al nia demandaro, estas ĝojige konstati, komparante la ciferon por la jaro 1961 kun tiuj de la jaro 1960, ke la nombro de publikitaj artikoloj kaj informoj duobliĝis.

Ĉi-sukceson meritas sendiskute la laboremaj unuopuloj, kiuj fervore kaj ĝentile kunlaboris kun la Redakcio. Por ne tro ŝarĝi ĉijare la Redakcion ni petas al helpemaj kunlaborantoj bonvolu adresi siajn eltranĉaĵojn rekte al HEF-Informoficejo.

Bedaŭrinde, ankoraŭ mankas en nia Esperanta Informado, precipe per ĵurnaloj, multe da farenda laboro. Kiel ekzemplo ni prezentas al niaj samideanoj la ciferojn de la jaro 1960 pri la publikitaj artikoloj kaj informoj; tio kio komprenigos klare al la leganto nian nunan situacion:

Brazilo atingis la plej grandan ciferon, t. e. 4.400; poste, Germanujo: 1.300; Italujo 1.200, Danlando 622, k. t. p. Korespondis al Hispanujo nur 58.

Ke niaj senlacaj samideanoj kunlaboru, do, pli konstante kaj efike kun la celo ke nia informa fako plene sukcesu.

S. Aragay



# DIVERSAĴOJ



*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto du nia buleeno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevas libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-Aprilo.*

SOLVO DE LA ENIGMO NUMERO 9

HORIZONTALE: 1: Preter. Neniam. — 2: Acida. — 3: Utilas. Junkra.—5: Cidonio. — 6: Apogi. Brovo. — 7: Koleras. — 8: Avelo. Trulo. — 9: Nutradi. — 10: Varti. Nepoj. — 11: Aksiomo. — 13: Iluzio. Sprite. — 14: Pudri. — 15: Idioto. Ordono.

VERTIKALE: 1: Plumpa. Viziti. — 2: Povra. — 3: Elitro. Rifuzi. — 5: Cikonia. — 6: Raspi. Kropo. — 7: Dilatis. — 8: Mielo. Irido. — 9: Nirvano. — 10: Najli. Mesio. — 11: Obstino. — 13: Inkujo. Paliso. — 14: Vulpo. — 15: Miasmo. Juvelo.

*Krucvorta enigmo de J. Devís*
*Malsupra figuro*

ENIGMO NUM. 10




HORIZONTALE: 1: Triviala, vulgara. Ĉirkaŭvolvas suĉinfanon per tuko. — 2: Ne ankoraŭ spertinta seksan kuniĝon. — 3: Mezuri per speciala ilo, ĉu io staras tute horizontale. Denove fari tion, kion oni mem faris. — 5: En komisio. — 6: Rilata al tuto de la disĉiploj de iu majstro. Vizitanto akceptata ĉe la tablo. — 7: Obuso. — 8: El speco de bele nigra k tre malmola ligno. Apartigi de la aliaj, malhelpante ĉiajn rilatojn. — 9: Preparas por sporto, per ekzercado k hardado. — 10: Ĉesu vivi, perdu la vivon. Kaŭzos lacecon, enuigos. — 11: Doktrino, kiu neas la ekziston de Dio. — 13: Malvolvi laŭ la longo, longigante en unu direkto. Rilata al la jarsezono plej malvarma en Eŭropo. — 14: Prezentanta malgrandan dikecon kompare kun la du aliaj dimensioj. — 15: Senvoĉeco. Intencita ĉeso de laboro.

VERTIKALE: 1: Ĉirkaŭvolvas per strio. Ne troa, ne ekstrema. — 2: Ŝnurego por movi ŝarĝegojn. — 3: Novico, nespertulo. Hebrea pastro. — 5: Rilata al iu G. de papagoj, kun plumoj de vivaj koloroj. — 6: Parencino. Manĝebla intesto de bestoj. 7: Pere de magnetismo. — 8: En ŝakludo, movi samtempe turon k reĝon. Meritantaj ion. — 9: Disvastigas, etendas. — 10: Fari ke iu aniĝu al grupo aŭ partio. Ŝanĝas la pozicion de io.— 11: Memamanto. — 13: Instruas beston por iu celo. Malenuigi, Malatentigi. — 14: Ĉirkaŭo de la homa korpo ĉe nivelo de koksoj. — 15: Malgranda dentskrapulo kiu en kaptiteco turnas sian kaĝon. Senvalora imitaĵo de oro, perloj, diamantoj, k. t. p.

---

Deziras korespondi kun fraŭloj el ĉiuj landoj, José M.ª Serrano. Strato Mercería, 7, 3.º TARRAGONA (Hispanujo).

---

Por helpi propagandon de Esperanto bonvolu sendi poŝtkarton al S-ro Duchemin. Usine Saint-Bonnet-le-Chastel. Puy-de-Dòme (Francujo).

## ALVOKOJ, CIRCULEROJ, k.t.p. el la esperantista mondo

INTERNACIA AMIKARO «ORA SPIKO»,

Ĝi celas disvolvi la kulturajn kaj turismajn interŝanĝojn inter gelernantoj diverslandaj. Administranto: Roger Imbert, Korenicka 11. ZAGREB, V (JUGOESLAVIO).

---

ENKETO PRI LA MIGRADO DE LA KUKOLO

Por montri la utilon de Esperanto por internaciaj sciencaj enketoj, la sendinto petas kunhelpon de personoj, kiuj loĝas eksterurbe, por ke ili havigu al li, en la printempo 1962-a, jenajn informojn pri la kukolo:

a) nomo de la loko kaj situo rilate granan urbon.

b) dato de la alveno de la unua kukolo.

c) aspekto de la regiono.

ĉ) (se eble), veterkondiĉoj dum la pasintaj tagoj.

e) nomo kaj adreso.

Skribu al S-ro W. de Smet, Graaf van Egmontstraat 16. ANTWERPEN (Belgio).

---

ESPERANTO DOMO, estis inaŭgurata en Roma, Via del Boccaccio, 5, I.a etaĝo, int. 2, pasintan 9-an de novembro. Tutmondaj esperantistoj estos ĉiam kore akceptataj. Ĝi funkcias ĉiuvespere inter 18-22 h. kaj celas fariĝi loĝejo, biblioteko ktp. Bonvolu helpi kaj subteni tiun indan iniciaton.

---

GEOGRAFIA SEMAJNO EN ODENSE (DANIO); ĝi estas la kvara kaj okazos de la 28/7 ĝis 4/8 1962-a. Prelegoj, vizitoj, ekskursoj.

Aliĝilon kaj informojn petu —se eble aldonante r.-kn.— al la organizantoj, Roma kaj Poul Thorsen, instruistoj pri geografio, Dyblandsvangen 7, Kopenhago, Brh. (Danlando).

BALDAŬA REELDONO DE LA VERKOJ DE D-RO L. L. ZAMENHOF

Esperantaj Francaj Eldonoj preparas eldonadon de pluraj gravaj verkoj de Zamenhof, dum ĉi tiu jaro. Nun, E. F. E. presigis poŝtkarton kun portreto de D-ro Zamenhof kaj pensas dediĉi la profiton de la disvendado al la ĉi-supre aluditaj eldonaĵoj. Mendu tiujn p. k. al nia libroservo. La prezo estas: 10 p. k., 7'8 stelojn aŭ ptojn. Dudek p. k., 14 stelojn aŭ pesetojn.

---

DONATIVOS RECIBIDOS DESDE EL 1.º DE SEPTIEMBRE AL 30 DE NOVIEMBRE DE 1961

| | *Pesetas* |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... | 5.147 |
| H. Dalier (Mauléon-Soule) ... ... | 40 |
| S. Magriá (Barcelona) ... ... ... | 15 |
| M. Ortigosa ... ... ... ... ... ... ... ... | 5 |
| J. Benito (Zaragoza) ... ... ... ... | 5 |
| F. Máñez (Zaragoza) ... ... ... ... | 100 |
| L. A. Ramírez (Huete) ... ... ... | 25 |
| R. Albero (Burjasot) ... ... ... ... | 10 |
| F. Santacruz (Barcelona) ... ... | 30 |
| P. Naranjo (Jerez) ... ... ... ... | 12 |
| L. Puig (Sabadell) ... ... ... ... | 15 |
| M. Ruiz (Madrid) ... ... ... ... ... | 5 |
| E. Wolf (S. C. de Tenerife) ... | 25 |
| M. Tarragó (Almatret) ... ... ... | 16 |
| M. Alamo (Valverde) ... ... ... ... | 20 |
| Familio Alavedra (Tarrasa) ... ... | 37 |
| F. Alsina (Barcelona) ... ... ... ... | 40 |
| S. Alberich (Barcelona) ... ... ... | 40 |
| José Roig (Barcelona) ... ... ... ... | 15 |
| M. Alsina (Barcelona) ... ... ... | 10 |
| J. Flaquer (Barcelona) ... ... ... | 15 |
| *Total pesetas* ... ... | 5.627 |

---

ESPERANTISTOJ, HELPU LA JUNULARAN MOVADON PERE DE LA ABONO DE VIAJ GEFILOJ AL H. E. J. S. JARKOTIZO: NUR 30 PESETOJ.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959




BILBAO — *Sendis: Palacios*



LA LAGUNA—*Zamenhof Strato*
*Sendis: J. Régulo*

ZARAGOZA—*E. Eksposizio*

*Sendis: A. P. Marqueta*